HAMBURG Esperanto

4/1991

Oktobro/Novembro

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.



**Monumentoj de Caro Petro la Granda kaj Lenin - en la tempo de ŝanĝoj.** (fotomuntâjo: Gerd Tigges)

# Reveno al Peterburgo

Leningrad denove nomiĝas St. Petersburg. 74 jarojn post kiam komenciĝis la Oktobra Revolucio en tiu ĉi urbo, la nomo nun denove estis ŝanĝita al la tradicia. La nomo Peterburgo (tiun formon uzis Zamenhof) memorigas pri la Rusa Caro Petro la Granda, kiu fondis la urbon en la jaro 1703 kiel *fenestro al Eŭropo.* Nun oni decidis uzi la malnovan nomon por montri, ke la komunismo finiĝis kaj la urbo nun volas denove integriĝi al Eŭropo.

# El la redakcio

## Enhavo



## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
*Klaus-Groth-Straße 95, W-2000 Hamburg 26*
*✆ (040) 2 50 30 65*
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, W-2000 Hamburg 50 ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika Aranĝo**: *Gerd Tigges, Hamburg 80*
**Produktado de originaloj**: *TIGGYSOFT*
*Brookdeich 13, 2050 Hamburg 80 ✆ (040) 7 21 20 05*

**Redaktofino de n-ro 5/1991: 09-11-91**

## Sentenco

Ĉiuj homoj
estas eksterlandanoj -
preskaú ĉie!

## Esperanto-insigno

Antaú kelkaj jaroj, okaze de la 100-jariĝo de la Internacia Lingvo, aperis la insigno ⊖ kiel nova simbolo de la Esperanto-movado. Fakte la malnova simbolo ★, ne estas klare rekonebla. Tia stelo kun ruĝa koloro simbolas komunismon aú alikaze en alia koloro simbolas diversajn ŝtatojn, ekzemple ĝi aperas en la flagoj de Ganao, Jemeno, Liberio, Maroko, Turkio, Usono kaj Sirio. Inter 1984 kaj 1988 nia informilo portis kombinaĵon el stelo kaj simboligita Hamburga blazono en tiu ĉi formo: ☐, kiu en 1967 okaze de Germana Esperanto-Kongreso jam aperis en alia formo: ★. Spite al la tradicio kaj kvankam la malnova insigno ☐ aspektis pli dinamika, mi elektis por la informilo la novan insignon ⊖ por eviti miskomprenojn, ĉar niaj presaĵoj estas nigraj kaj ruĝaj. La insigno ne havas kvin pintojn por simboli kvin kontinentojn, sed ĝi similas al terglobo, kaj la koloro tute ne gravas. Do malgraú la estiminda tradicio de la verda stelo mi preferas la novan insignon pro ties sendube pli facila uzeblo.

*Benno Klehr*

## Ni dankas...

...al ĉiuj, kiuj gratulis al ni pro la nova, kolora aspekto de *Esperanto Hamburg*. Nia vicprezidantino *Elsbeth Wielgus* jam dum la Universala Kongreso en Bergen povis doni ekzemplerojn al interesitoj. Pro tio ni ricevis multajn gratulojn el diversaj landoj.

**Tamen**: Ni ne ripozos sur la laúro!

Ni daúre klopodos plibonigi la bultenon.



# Gastoj el Peterburgo




La 29an de Aúgusto 1991 ne atendite okazis ĥora prezentado en nia klubejo. Grupo el la *Leningrada* (nun Peterburga) *Ensemblo de Antikva Muziko* estis okaze de loka festo en Hamburg-Kirchsteinbek. (Peterburgo estas ĝemela urbo de Hamburg. Ankaú la Esperantistoj el ambaú urboj ek de kelkaj jaroj havas kontaktojn.) Dum la ĵaúda vespero ili estis gastoj ĉe ni kaj prezentis kantojn en Esperanto kaj en la Rusa lingvo. La klubejo estis tiom plena kiel kutime nur dum Zamenhof-festoj. "Kulpis" pri tio *Friedel Kogel*, kiu multe telefonis por informi la membrojn pri la eksterordinara evento. La gastoj el Peterburgo ankaú rakontis al ni pri la Esperanto-Movado en sia urbo: Dum multaj jaroj Esperantistoj ne havis eblecon aktive agi. La gazetaro ne publikigis artikolojn, oni ne permesis eldoni sufiĉan kvanton da lerniloj, mankis instruantoj. Nun la situacio ŝanĝiĝis. Ĉio estas permesata, sed mankas monrimedoj por efektivigi iajn projektojn.

---

# Sukcesaj ekzamenoj

Dum kelkaj semajnoj la gekandidatoj ekzercis kun *Hella Lanka* por la ekzameno pri lingva kapableco, ĝis ili rekoltis Sabaton, la 31an de Aúgusto la bonajn atestojn:
***Della Pick* sukcesis per la noto 1 - tre bone,**
***Gerda Koch* per noto 2 - bone,**
***Wolfgang Löbel* per noto 2,**
***Hannelore Brunow* per noto 2,**
***D-rino Margaretha Ritchie-Busse* per noto 3 - kontentige.**
**Krome partoprenis la saman tagon du gekandidatoj la kursfinan ekzamenon, nome *Silke Bartsch* kaj *Stephan Müller*, kiuj lernis ĉe s-ino *Blasius*.**
La ekzamenoj daúris de la 14a horo ĝis la 20a horo.

Al la ekzamena komisiono apartenis:
*D-ro Werner Bormann,*
*D-ino Vesna Staniĉiĉ-Burchards* kaj
*Hella Lanka,* kiuj kalkulis ĝis la 22a horo la necesajn notojn je centonoj.
Intertempe ankaú venis gratuloj de la fakestro de la Germana Esperanto-Instituto, s-ro *Tukker* el Augsburg, rilate al la "Sukcese ellaboritaj kaj okazigitaj ekzamenoj".

La sukcesaj partoprenintoj de la kursfina ekzameno ricevos premion kiel honorigon kaj instigon por daúrigi sian lernadon:
**Hamburga Esperanto Societo subvencios al ili vojaĝon al Internacia Seminario de GEJ aú kongreso laú ilia elekto.**

## Korajn gratulojn
## al la sukcesplenaj ekzamen-gekandidatoj!



# Po(po)la Muziko

Meze de Julio vizitis nin denove Marian Bronowski el Skoczów (Silezio), kiu jam dum multaj jaroj regule venas al Hamburg. Ĉi-foje akompanis lin liaj filoj Marek kaj Pieter, kiuj prezentis al la klubanoj dum ĵaúda vespero Polan kaj alian popularan muzikon per banjo kaj akordeono. Multaj klubanoj kunzumis aú kunkantis konatajn kantojn. Per granda aplaúdo kaj la enhavo de cirkulinta ĉapelo oni dankis al la junaj (13 j.) kaj lertaj artistoj.



# Nova Kurso

La 16an de Novembro (Sabato) komenciĝos nova kurso por komencantoj je la 14a horo en la domo de HES. Dum tri sinsekvaj semajnfinoj ĝi okazos Sabate 14:00 - 17:00 h, Dimanĉe 10:00 - 16:00 h. Dimanĉe tagmeze ni ofertas komunan tagmanĝon. Prezo de la kurso DM 180,- (Junuloj DM 160,-).

# Gretel Zerbe
# 05.01.01 - 29.08.91



La 29an de Aúgusto 1991 mortis nia plej aĝa membro s-ino Gretel Zerbe 90jara.
Dum multaj jaroj ŝi estis tre aktiva en la klubo. La enterigo de la urno okazis la 16an de Septembro.

Am 29. August 1991 verstarb unser ältestes Mitglied Frau Gretel Zerbe im Alter von 90 Jahren. Sie war viele Jahre lang aktives Mitglied in unserem Klub. Die Urne wurde am 16. September beigesetzt.

# Diversaj temoj

# Vojaĝo al Silezio

## Familia historio - Eúropa historio

La 8an de Aúgusto 1991 la unuan fojon ni pasis la landlimon al Pollando. Estis ĉe la rivero Odro, inter la urboj Ostrava (Mährisch Ostrau) kaj Racibórz (Ratibor). Mia 82-jara onklino Inge post 46 jaroj denove volis viziti la lokon de sia junaĝo. Ni pasis la landlimon sen troaj formalaĵoj - kiel en okcidenta Eúropo. Mi eltrovis, ke en Ĉeĥoslovakio kaj Pollando oni rekonis la uzon de la verda *E* de Eúropo (por indiki, ke oni nur havas permesitajn varojn). Estas vere ĝojige, pasi landlimon en orienta Eúropo kaj travivi, ke post la unua pasporta kontrolo la dua kontrolisto diras: "Estas en ordo, la kolego jam kontrolis".Tion oni ne estus imagintaj nur antaú kelkaj monatoj.
Sen iaj problemoj ni atingis la vilaĝon, kie naskiĝis mia patro kaj mia onklino. La Polan nomon de la vilaĝo *Krowiarki* mia onklino ne ŝatas, ĉar *krowa* signifas bovino. Tamen mi devas konfesi, ke estas ĝuste. Al mia fratino kaj mi, kiuj loĝas en Berlin kaj Hamburg la tuta vilaĝo estas bovinejo. Malgrandaj domoj de farmistoj staras apud la kastolo kaj la grandbieno de la grafoj *Henckel von Donnersmark*. La bieno fariĝis kolĥozo kaj la kastelo ne uzata atendas la princon, kiu veke kisos ĝin. Fakte la vilaĝo unuavide aspektas kiel la hejmo de *Domrozeto*. Sed oni ne rapide pasu! En la korto de iu domo (se oni vidas la malgrandan ŝildon) oni trovas novan privatan vendejon por manĝaĵoj, trinkaĵoj aú vestaĵoj, en alia aútoriparejon aú teknikan servon. La Pola ekonomio nun povas evoluiĝi, ĉar la Zloto havas konverteblan valoron. Tamen estas malfacile vivi per monata gajno de DM 200,00.

*Benno Klehr*

# Opinio

# Silezio - kies lando?

Antaú nelonge mi vojaĝis al la vilaĝo, kie naskiĝis mia patro en 1913. Estas strange: tiam la vilaĝo nomiĝis *Polnisch Krawam* (polnisch = Pola), kvankam ĝi troviĝis en Germanujo. Alia vilaĝo, *Deutsch Krawarn,* nomiĝis Germana, kvankam ĝi neniam estis en Germanujo. Ambaú vilaĝoj troviĝas en Silezio. Dum la pasintaj jarcentoj la lando - parte aú tute - apartenis foje al Pollando, Bohemio, Aústrujo, Germanujo kaj eĉ iam al Luksemburgo!
En Germanujo ekzistas organizaĵoj de forpelitoj, kiuj ĝis hodiaú malakceptas la postmilitajn politikajn ŝanĝojn. Ili postulas la rajton de Germanujo je Silezio; ankaú Poloj kaj Ĉeĥoj postulas historian rajton.

Laú mi, la plej bona solvo por la dumjarcenta disputo estus "repatriigo" al Luksemburgo; al la Eúropa centro Luksemburgo, al la Komuna Eúropo. Kiam Pollando kaj Ĉeĥoslovakio estos parto de la Eúropa Komunumo, ne plu ekzistos la malnovaj problemoj. Silezio same estos regiono de Eúropo kiel Alzaco kaj Lotaringio, pri kiuj ankaú iam ekzistis disputo

*Benno Klehr*

# Nia terura enigmo

Tiu ĉi enigmo estiĝis iam dum iu nokto, kiam mi ne povis dormi post tuttaga redaktado de la Informilo. La plej bonajn ideojn mi ĉiam havas inter la 3a kaj la 6a horo matene.

*BK*

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 |
| 9 | | | | | | | 10 |
| 11 | | | | 12 | | | |
| 13 | | | | | 14 | | |
| 15 | | | | 16 | | | |
| 17 | 18 | | 19 | | | 20 | |
| 21 | | 22 | | 23 | | | |
| 24 | | | | | 25 | | |
| 26 | | | | | 27 | | 28 |

**Horizontale:**

**1** Dolĉa aú ŝatata fosulo. **9** Simple traduku el la Germana: Dost. **10** En televido angule kiam denove videblas golo. **11** Tia estu bona varbado. **12** Rezulto de 24 horizontale. **13** Haĉi-Halef aú Kajam. **14** 119 per 17. **15** Kia koincido en Bergen! **16** Ne ĉiam sed tiam. **17** Inter ebl' kaj end'. **19** Etos' laú la tria strofo de la Hamburga himno. **21** Tia osto ĉe kotleto. **23** Tiel aero kondutas. **24** En tiu Müller kontraú Meier. **25** Eks' kaj for en unu vort'. **26** Tiu de Hermano (Goethe! - ne Degojto!) **28** Ĉu vi vere atendas ion ĉi-tie?

**Vertikale:**

**1** Iam (ĉu ne plu?) ekspluatita land'. **2** Ne parfumo sed odoro. **3** En proksimec' de Meduzo ĝin evitu. **4** Duobla ligaĵo pli bone ĉinas. **5** Tempo de la violoj (Mozart). **6** Sent' post daúra ripetado. **7** Multekosta raraĵ' por vi kaj via pakaĵ'. **8** Laú Hannelore B. = karulo. **14** Objekt' kiel toúfuo estas ĝi. **16** Pensu pri arbo kaj muzik'. **18** Mallonga nomo por nekonata telero. **20** En lernejo ĝi nomiĝas stil-ekzerco. **21** Sen ĝi ne estas veturil', aú eble tamen. **22** Ĝi troviĝas precize meze en opero kaj **27** Eĉ pli precize!

# Neniu konstatis

El la multaj legantoj de nia bulteno, kiuj ŝatas solvi enigmojn, neniu atente rigardis la titolan foton de la pasinta numero. La foto montris la Germanan Parlamentejon en Berlin **kiel retuŝo** de foto el la jaro 1912, kie estis forigita la kupolo, kiu ne plu ekzistas de post 1933!

## Solvo de la pasinta enigmo

(3) Oro, tia, ilo, oni, kun, odo, tre;
(4) rifo, apio, runo, arta, loko, kubo, tipa, tion, kaĝo, robo; (5) nordo, aniĝi, karno, buroo, vodko, Vieno, katoj, leono, forno, krono; (6) ironio, Oomoto, Libano;
(7) tragika, etaĝero, lekanto, kolonio;
(8) fontanoj; (9) ortangulo.

# Nia programo 4/91

Klubejo malfermita ĵaŭde ek de 19:00 h.
Programo ek de 20:00 h.
La Studrondo renkontiĝas sabate en semajnoj kun para numero je 14:00 h.

Klubhaus donnerstags ab 19:00 h geöffnet.
Programm ab 20:00 h.
Die Studrondo trifft sich sonnabends in jeder geraden Kalenderwoche um 14:00 h.

## Oktobro

**3** Festvespero
**Tago de Unuiĝo**

**5** *Studrondo*

**10** *Walter Kahlert:*
Diapozitivoj pri la
**Universala Kongreso**

**17** *Irmgard Karst:*
**Esperanto-Radio** en
*Du und Deine Welt*

**19** *Studrondo*

**24** **Kanto-vespero**
Komuna kantado por ĉiuj

**31** **El la kofro de Ellen**
(Retrospektivo en bildoj
pri Esperantokunvenoj)

## Novembro

**2** **Ekspozicio**
en Sachsenwald-Forum
en Reinbek

**2** *Studrondo*

**7** *Elsbeth Wielgus:*
**Literatura vespero**

**14** *Bodo Schneider:*
Diapozitivoj pri
**Oslo kaj Bergen**

**16** *Studrondo*

**21** *Rüdiger Sachs:*
**La unua sesio de AIS**
**en Rumanujo**

**28** *Bruno Lehmann:*
**Lingvaj Ludoj**

**30** *Studrondo*

## Keglado

**La venontaj datoj:**
25.10.91 ★ 22.11.91
Informoj ĉe Elsbeth Wielgus.

**Nicht jeder, der aus dem Rahmen fällt, war vorher im Bilde!**

## Historiaj datoj

**1881:** En Berlin estis instalitaj la unuaj 8 telefonoj – 2 monatojn poste en Hamburg jam ekzistas 206.

**1891:** Hamburg havas modernan akvofiltrejon por eviti malsanojn.

**1911:** Tunelo sub rivero Elbe malfermita.

**1931:** Trajno veturas en 1:38 h de Hamburg al Berlin (230 km/h).

# Anoncetoj

## »Espero«

La Peterburga (Leningrada) Esperanto-Kooperativo *Espero* plivastigas sian agadon kaj proponas servojn al eksterlandanoj: Instruado de la rusa lingvo kaj Esperanto koresponde, rapidaj kursoj en Peterburgo, traduko de tekstoj en la Rusan kaj en Esperanton kaj el tiuj lingvoj, servo de gastigado kaj alia perado.
Adreso:
**"Espero" SU-191011 Peterburgo 11.**

## Muzikkasedo

Hamburga Esperanto-Societo ofertas

45-minutan muzikkasedon en stereo
de ***Eterna Muziko,***
la ĥoro el Peterburgo.

La surbendigo okazis la 29an de Aúgusto 1991 en la klubejo de HES.
Enkonduke parolas s-ro *Vladimir Valentinoviĉ Kosarev*. La prezo de DM 12,00 inklusivas DM 5,00 por la ĥoro.
La bonkvalitan surbendigon faris Martin Bähr. La kasedo estas havebla en la klubejo aú mendebla (plus sendokostoj) ĉe la kluba adreso.

HAMBURG

**Ĉu jam aûdinta? -**
**Ne, jam leginta!**

**Bedaúrinde ni devas konstati, ke la kunlaboro ankoraú estas tro magra. *Kie estas kontribuoj?***

## HEROLDO DE ESPERANTO

Vi povas ricevi senpagan numeron de **Heroldo de Esperanto**: Sufiĉas sendi poŝtkarton al la redakcio.
Adreso: **Heroldo de Esperanto, Ada Fighiera-Sikorska, Via Sandre 15, I-10078 Venaria Reale (To), Italio.**
Vi ricevos la duoblan numeron de la gazeto kun ilustrita raporto pri la U.K. en Bergen.
La grand-formata **Heroldo de Esperanto**, fondita en 1920, de pli ol 70 jaroj estas la plej ofte aperanta el la plej populara internacia periodaĵo en la lingvo de Zamenhof.

## Internacia Seminario

### de Germana Esperanto-Junularo en Cuxhaven

De 27.12.91 ĝis 03.01.92 okazos la kutima Internacia Seminario de GEJ tre proksime al Hamburg! Hamburganoj, kiuj ne povis ĉeesti la UK en Bergen, havos la eblecon spekti la teatraĵon **Pupohejmo** (Nora) de Ibsen, prezentota de la teatra grupo de GEJ **Kia Koincido**.
Ankaú por plenkreskuloj indas viziti la tradician silvestran balon.



# El la universitato

# El la gazeto Hamburger Abendblatt



## Professor Grips

„Sprach-Chaos in Brüssel! Das hatten wir doch schon beim Turmbau zu Babel - also immer noch nicht dazugelernt. Und wo bleiben die Esperanto-Experten? Das ist doch *die* Chance. Warum liefern sie keine glanzvollen Beweise der EG-Fähigkeit ihrer Sprache? Oder haben sie keine? Wenn sie jetzt nicht aufwachen, ist der Zug abgefahren!"

*(19. Juli 1991)*

# Leteroj de legantoj kiuj ne estis publikigitaj

Beweise für die EG-Fähigkeit von Esperanto erbringen zu müssen, hieße, Eulen nach Athen tragen. Es gibt sie wirklich mehr als genug. Den Kern der Sache hat Professor Grips aber erkannt: Die Verbesserung der Verständigungsinfrastruktur in Europa ist überfällig! Als Europäer fordere ich diese Verbesserung unter Einbeziehung von Esperanto, denn sie bietet neue Möglichkeiten und Chancen für uns alle. Ein gewaltiges Innovations-Potential liegt heute noch europaweit brach und wartet auf seine Nutzung, z. B. in den Hochschulen, in der Wirtschaft und auf dem Arbeitsmarkt. Vorrangig ist nach meiner Meinung die Einrichtung eines Lehrstuhles für Interlinguistik an der Universität Hamburg. Die Menschen in Europa brauchen Zukunftsperspektiven. Bessere Verstädigungsmöglichkeiten von Mensch zu Mensch - ohne Umweg über den Computer - sind dazu unerläßlich. Hier müssen dringend Fortschritte erzielt werden. Konkret: Auch mit Hilfe von Esperanto. Den neuen Chancen, die sich der europäischen Allgemeinheit damit bieten, weiterhin durch Ignoranz und Vorurteile den Weg zu verbauen, fände ich schlicht unverantwortlich und gegen vitale Interessen der europäischen Bürger gerichtet.

*Gerhard Hein*

---

Mein Rat für Europas Sprach-Chaos lautet: **Esperanto.** Quantität und Qualität der Argumente sind bei den Esperanto-Experten vorhanden. Bloß: die Europa-Instanzen hören uns nicht zu! Die "glanzvollen Beweise für die EG-Fähigkeit" der Internationalen Sprache stoßen auf eine Mauer aus Angst: daß es an dem bequemen Rang der eigenen Nationalsprache rüttelt, daß es vielleicht doch nicht alles kann, was man braucht. Mein zweiter Rat: ansehen und anhören! Zum Beispiel meinen Kursus: "Unternehmerstrategien". Und immer wieder zur Vernunft mahnen. So wie Prof. Grips das getan hat. Das war ein gutes Wort.

*Dr. Werner Bormann, HH-Bergedorf*

# Du, Esperanto und deine Welt -

## Büger fragen, Experten antworten

Nach dem Verschwinden der Schlagbäume bleiben noch immer die Sprachbarrieren in unserer Welt. **Ist Esperanto eine Lösung für dieses Problem?**
Um dieses Thema und einige andere zu diskutieren, trafen wir uns am Montag, dem 02.09.91, mit zwei Experten und vier Gästen in den Messehallen zu unserer ersten Live-Sendung im *Offenen Kanal*.
Ab 17:00 Uhr standen Karin Lencki und Dr. Werner Bormann eine knappe Stunde Rede und Antwort. Es lief so gut, daß wir bei der nächsten Messe "Du und Deine Welt" Fernsehen machen wollen!
Alle, die die Sendung nicht gerhört haben, können dies am Donnerstag, dem 17.10.91, im Klub nachholen. Um 20:00 Uhr werde ich über unsere Rundfunk-Arbeit berichten und anschließend den Mitschnitt präsentieren.

Post la malapero de la landlimaj bariloj ankoraú restas lingvaj bariloj en nia mondo. **Ĉu Esperanto estas solvo por tiu problemo?**
Por diskuti pri tiu temo kaj aliaj ni renkontiĝis Lundon, la 2an de Sept. 1991, kun du ekspertoj kaj kvar gastoj en la ekspoziciaj haloj dum nia unua samtempa elsendo en *Offener Kanal* (Radiostacio malferma al ĉiuj).
Je la 17a horo Karin Lencki kaj D-ro Werner Bormann respondis preskaú unu horon diversajn demandojn. Ĉio funkciis tiom bone, ke ni volas venontfoje je "Du und Deine Welt" fari televidan elsendon!
Ĉiuj, kiuj ne aúdis la elsenden, havas la eblecon, aúskulti ĝin Ĵaúdon, la 17.10.91, en la klubejo de HES. Je la 20a horo mi raportos pri nia radio-laboro kaj poste prezentos la surbendigon.

*Irmgard Karst*

# Esperanto in Reinbek

## Informado kaj kurs-varbado

Die Gesellschaft für International Sprache (GIS) wird am 2. und 3. November 1991 mit einem Informationsstand auf der Veranstaltung "Tag der offenen Tür und Reinbeker Herbstmesse" im *Sachsenwald-Forum* Reinbek vertreten sein. Nach unserem Erfolg auf der Hamburger 2. Info-Börse für Aus- und Weiterbildung erwarten wir auch in Reinbek reges Interesse.
Die Messeleitung rechnet mit ca. 5.000 Besuchern.

La Societo por Internacia Lingvo (GIS) je la 2a kaj 3a de Novembro 1991 partoprenos per informstando en la "Tago de malfermita pordo kaj Reinbeka Aútuna Foriro" en *Sachsenwald-Forum* Reinbek. Post nia sukceso en la dua Informborso por klerigado en Hamburg ni ankaú atendas grandan intereson en Reinbek.
La foira estraro atendas proksimume 5.000 vizitantojn.

*Irmgard Karst / Bodo Schneider*




Multaj homoj fordonas amason da mono por aspekti pli belaj. Tian sopiron la komerca mondo senfine eluzas: ekzistas multaj "belec-institutoj", kie oni prilaboras la eksteran aspekton de la homo pere de plej diversaj metodoj: dikaj homoj maldikiĝas, nazoj kaj brovoj estas refaritaj...

Tiu ĉi artefarita beligo estas tre multekosta. MsN volas lanĉi novan metodon, kiu estas senkosta kaj tamen tre efika: la rideto! Tiu ĉi metodo komenciĝas en la koro. Temas pri la rideto, kiu kreskas el la profunda paco kaj intima ĝojo de bona koro. Tiu ĉi rideto igas ĉiun homon bela. Zorgu do pri "bona koro"!

Kaj... eku per "rideto"!

Komencu ĉiun tagon per rideto, per gaja mieno. Ĉio ŝanĝiĝas, kiam via mieno ŝanĝiĝas. Vi ne tiel lacas pro laboro, kiam vi ekas per malstreĉita kaj gaja mieno. Vi pli ĝojas pri la bonaj kaj belaj aĵoj de la vivo. Per malferma kaj ridanta mieno vi estas kvazaŭ la suno por viaj kunvivantoj. Vi estas pli forta en mizeraj momentoj. Vi malpezigas suferon. Malsanuloj pligajiĝas. Tiom da homoj dankas sian refortigitan animstaton al afabla mieno kaj afabla vorto.

Tial MsN diras al ĉiuj: eku per "rideto"!

*(MsN = Movado sen nomo)*

# Vizitanto ĉe la studrondo

Ĉiuj sidlokoj ĉirkaŭ nia tablaro en nia klubejo estis okupitaj per studrondanoj, kiuj volis ĉeesti dum la vizito de s-ano Hermann Behrmann el Paderborn, Sabaton, la 10an de Aŭgusto, en nia studrondo. Ŝajne la tempo flugis, kiam s-ano Behrmann pritraktis malfacilaĵojn en nia gramatiko per sia sperto kaj vigleco. Ankaŭ al niaj demandoj li havis kontentigajn respondojn, kvankam kelkfoje per ĝis nun de ni ne konataj reguleroj. Komence li parolis mallonge pri Rikardo Ŝulco, la Westfaliaj flugfolioj, kaj Analiza Skolo. Entute agrabla, sciiga posttagmezo.

*BL*

# Ĉi-tie povus aperi via artikolo!

# Partoprenu en la studrondo!

# Felietono

## Studrondo

# La granda momento

En sia kaĝo sidis malgranda birdo kaj rigardis sopiroplene en la sunbrilon. La birdo estis kantobirdo, kaj tio okazis en kulturŝtato - ĉiukaze en tia, kiu sin tiel nomis.

En blua foro troviĝis bluaj montoj. "Malantaŭ la montoj kuŝas la sudo", pensis la birdeto. "Mi nur unufoje flugis la vojon tien. Poste neniam plu." La foraj montoj ŝajnis al ĝi tute proksimaj. La sopiro ŝovis ilin tiel proksimaj al la krado-stangoj.

"Ili estas tiom proksimegaj", diris la birdeto. "Se nur la krado-stangoj ne estus! Se la pordo nur unufoje sin malfermus - unu solan fojon! Tiam venus la granda momento, kaj mi estus pere de kelkaj flugilbatoj malantaŭ la bluaj montoj."

La gruoj migris. Tra la aŭtuna aero sonis ilia plenda krio - lamenta kaj loga.

Estis la voko al la sudo.

Ili malaperis malantaŭ la bluaj montoj. La birdeto kuradis kontraŭ la krado-stangoj. Venis la vintro, kaj la birdeto fariĝis silenta. Neĝadis, kaj la bluaj montoj estis fariĝintaj grizaj. La vojo al la sudo kuŝis en frosto kaj nebulo. Venis multe da vintroj kaj multa da someroj. Pasis multe da jaroj. La montoj bluiĝis kaj ree griziĝis. La migrobirdoj venis de la sudo kaj migris al la sudo. La birdeto malantaŭ la krado atendis al la granda momento.

Jen - venis klara suna aŭtuna tago. Tiam la pordo de la krado estis malferma. Oni erare estis lasinta ĝin malfermita. Intence la homoj ne faras tion.

La granda momento estis veninta! La birdeto tremis pro ĝojo kaj ekscito. Singarde kaj timeme ĝi glitrapidis eksteren kaj flirtflugis sur la plej proksiman arbon. Ĉio ĉirkaŭe konfuzis ĝin. Ĝi ja ne estis kutiminta al tio. En blua foro etendiĝis la bluaj montoj.

Sed nun ili ŝajnis esti tre malproksimaj. Multe tro malproksimaj por la flugiloj, kiuj dum jaroj sin ne plu movis malantaŭ la krado-stangoj. Sed devis esti! La granda momento estis veninta! La birdeto kolektis siajn tutajn kuraĝon kaj forton kaj etendis siajn flugilojn larĝe, larĝe - al la flugo al la sudo, malantaŭ la bluajn montojn.

Sed ĝi ne sukcesis veni pli vasten ol ĝis la plej proksima branĉo. Ĉu la flugiloj atrofiiĝis en la longaj jaroj, aŭ estis io alia velkinta en ĝi? Ĝi mem ne sciis tion. La bluaj montoj estis malproksimaj, multe, multe tro malproksimaj por ĝi. Jen ĝi flirtflugis silente reen en sian kaĝon.

La gruoj migris. Tra la aŭtuna aero sonis ilia plenda krio - lamenta kaj loga. Estis la voko al la sudo.

Jen la birdeto mallevis sian kapon kaj kaŝis ĝin sub la flugilo.

La granda momento estis pasinta!

*Traduko: Josef Kühnel*